# Boletín

Federación Española de Esperanto

Asociación de Utilidad Pública




N-ro 334 • Januaro - Februaro 1998

// Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Miguel Gutiérrez Adúriz
Los Coteros 1-C, 2-I
ES-39600 Muriedas
Cantabria
liven@nexo.es

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj



Hispana Esperanto-Federacio
Rodríguez San Pedro 13-3°-7
Es-28015 Madrid
Tel.+faksilo: +34-(9)1-446-80-79
admin@esperanto-es.org
www.esperanto-es.org





*Noto*: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. La redaktoro ja rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.

## Enhavo

# Kial nova adreso en Internet?



**Miguel Ángel Sancho**

Prezidanto de HEF

La konstanta misfunkciado de la entrepreno ADV rilate la loĝadon de nia paĝoj en Internet decidigis la estraron nuligi la kontrakton subskribitan antaŭ unu jaro. La problemoj iom post iom kreskis: kutime oni ne povis legi la poŝton, la paĝaro ne videblis dum pluraj longdaŭraj periodoj, kaj oni povis konstati tute neseriozan pritrakton de nia peto pri propa adreso.

Feliĉe, ni kontaktis alian entreprenon, kiu akceptis nin kun simpatio, kaj ofertis, kontraŭ ne tro pli granda kosto, aldoni ĉiujn eblajn servojn, kaj ebligi ilin rapide kaj taŭge.

Nuntempe ni havas propran adreson www.esperanto-es.org (rimarku, ke la antaŭa home.adv.es/esperanto ne plu funkcias), kiu apartenas al HEF por ĉiam. Simile ni rajtas uzi du poŝtkontojn: info@esperanto-es.org por publika informado kaj admin@esperanto-es.org por esperantaj aferoj.

Ni havas nun plenan liberon pri programado en la ĉefa komputilo, al kiu ni aliras ne nur per tradicia FTP, sed ankaŭ per Front Page. Danke al tiu lasta pluraj admnistrantoj povas samtempe aktualigi la enhavon de la paĝoj per rekta eldono de la dosieroj tie loĝantaj.

Aliflanke ni havas la eblon programi laŭ la plej modernaj teknikoj kiel Active Server Pages (Aktivaj Serv-komputilaj Paĝoj) por facile aliri al datumbazoj kaj konsultoj al Microsoft Index Server (Servanto por Indeksado de Microsoft), kiu permesas al la uzanto trovi laŭ simpla formularo ajnan eron en la enhavo de la paĝaro. Tio lasta permesis la inaŭguron de novaj servoj: aŭtomata anonctabelo, kiun la uzantoj povas rekte aktualigi, kaj rapida sistemo por disvastigo de novaĵoj. Baldaŭ vi trovos ankaŭ aliron al la fonduso de la bilioteko Juan Régulo Pérez, konsultoj al la Katalogo de HEF kaj adresaron, aktualigebla de la membroj mem.

Fine ni petis la helpon de profesia dezajnistino por renovigi la stetikon de la paĝoj. Ni daŭre opinias, ke serioza aspekto kaj bona informado estas la du ĉefaj bazoj de la paĝaro de HEF, kiu pli kaj pli fariĝos la plej uzata sistemo de informado por la publiko.

## Buĝeto de Hispana Esperanto-Federacio por 1998

| Enspezoj | | 1.630.000 |
|---|---|---|
| Membro-kotizoj | 1.100.000 | |
| Ceteraj | 530.000 | |




| Elspezoj | | 1.630.000 |
|---|---|---|
| | Regulaj | 1.155.000 |
| Bulteno | 300.000 | |
| Ceteraj regulaj | 855.000 | |
| | Ceteraj | 475.000 |
| Investoj | 250.000 | |
| Agado | 225.000 | |




Aldone

Investoj por 1998: komputilo.

Agado: eldono de triptika informilo.

Pli detalan buĝeton oni povas konsulti ĉe la Centra Oficejo de la Asocio.



# Kunveno HEF—MEL

La 22an de novembro kunvenis estraranoj de, respektive, HEF kaj Madrida E-Liceo, por alveni al interkonsento rilate al la MEL-peto uzi la HEF-sidejon.

En samideana kaj amikeca etoso ni priparolis la financan problemon de MEL, kiu devigas ĝin baldaŭ forlasi sian nunan sidejon (Atocha 98), kaj, post ekzameno de diversaj eblecoj, oni faris jenajn decidojn:

1) Proksimume ekde februaro la Liceo aranĝos en la HEF-sidejo siajn regulajn kulturajn aktivaĵojn, nur lunde vespere. Tiuj aktivaĵoj devos esti, kompreneble, ne malfavoraj al Esperanto.

2) La oficiala adreso de MEL estos tiu de ĝia prezidantino. MEL havos apartan telefonon, ne tiun de HEF.

3) La biblioteko de la Liceo integriĝos en la HEF-an por funkcia efiko, tamen restanta MEL-posedaĵo.

4) MEL kaj HEF kunlaboros en difinitaj projektoj, kiaj Expolingua-99, nian ret-paĝon, ktp.

La sekretario, Manolo Parra




## Andaluzio

La 13an de decembro, dekkvin gesamideanoj el Sevilo, Malago kaj Kordovo renkontiĝis en Kordovo por festi la Zamenhofan Tagon, organizitan de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo.

Matene oni vizitis la Moskeon, kie s-anoj Rikardo F. Albert kaj Jose Maria Rodriguez ĉiĉerone klarigis pri ĝia konstruado kaj pri ĝia graveco en la islama periodo. Post vin-trinkado kaj promenado tra la mallarĝaj stratoj kordovaj, oni festis la Tagon per kunmanĝado ĉe tipa restoracio.

Kompreneble la manĝado ne nur utilis por memori la Aŭtoron de Esperanto, sed ankaŭ por preni kelkajn gravajn decidojn. Oni nomumis la sevilan samideanon Antonio Rodriguez nova respondeculo de la Koresponda Kurso organizata de la andaluzia asocio. Kompreneble, la sevilaj samideanoj profitis la okazon por diskonigi sian novan elektronikan adreson ĉe Internet <espersev@arrakis.es.

Kelkajn tagojn post ĉi tiu kunveno aperadis reklamoj pri la Koresponda Kurso de AEU en la ĵurnalo El Pais (andaluzia eldono). Tiel nia asocio deziras diskonigi kiel eble plej efike kaj amase sian instruan servon.

Jose María Rodriguez

## Aragono

Kiel anoncite, la aragonaj esperantistoj festos, laŭlonge de unu tuta jaro, la 90an datrevenon de la fondo de ilia loka societo. La ampleksa programo disvolviĝas de decembro 1997 al la sama monato de 1998.

Jam la 13an de decembro komenciĝis la programo per bankedo en restoracio Zeus de Zaragozo. La 15an de la sama monato prelegis en Esperanto pri unu el la grandaj poetoj de la tiel nomata "generacio de la 27a", samideano Antonio Marco. La antaŭparolon faris kolego Antonio Valén, kiu profitis la okazon por rememorigi la la multnombraj ĉeestantoj la signifon de la Zamenhof-tago.

La Komisiono por solenado de la datreveno jam anoncis plurajn el la venontjaraj programerojn, pri kiuj oni, siatempe, informos la legantojn de Boletín.

A.M.B.

## Asturio

Por festi la Zamenhofan tagon ĉiujare kuniĝas la geesperantistoj de la du ĉefaj esperantistaj centroj de la Asturia regiono, nome, tiuj de la Esperanto Grupo *«Antaŭen»*, de Avilés, kaj tiuj de *Astura Esperanto Asocio*, de Gijón.

Ĉi-jare ni celebris la feston la 14an de decembro en Avilés. Je la 11a horo estis meso en Esperanto en la Kapelo «Jesuo de Galiana». Poste, en la t.n. «Kulturo-

**Hako post hako estas la plej efika atako**

domo» de Avilés, okazis kunveno-renkontiĝo de la membroj de ambaŭ menciitaj E-Grupoj kun prelegoj en kaj pri Esperanto, same kiel pri aliaj kulturaj aferoj de tiu urbo, kaj ankaŭ eta teatr-ludado fare de iuj membroj de la Grupo *«Antaŭen»*.

Fine, en iu restoracio ekde la 15a horo, la asturaj geesperantistoj ĝuis bankedon kaj plurhoran kunrestadon en gaja etoso.

La tagĵurnalo de Avilés, en sia eldono de (97.12.15), aperigas unupaĝan artikolon kun granda foto pri la aranĝoj organizitaj de la e-grupo Antaŭen.

Faustino Castaño

## Eŭskio

GEB (Grupo Esperantista de Bilbao) daŭre kunvenas la vendredojn de la 19a ĝis la 21a horo, kaj, sporade sed daŭre, prezentas la asocion al la ĝenerala publiko la dimanĉojn en "Plaza Nueva", pere de tablo bone nutrita per revuoj kaj libroj.

Jenaj bibliotekoj ricevis kompleton de libroj, kies unuopa valoro estis 25.000 pesetojn):

Biblioteca de la Diputación Foral (Bilbao).

Biblioteca de la Universidad de Deusto (Bilbao).

Biblioteca Central de la Universidad del País Vasco (Leioa).

Biblioteca Municipal de Bilbao

Biblioteca (Municipal) Central de Barakaldo.

Biblioteca de San Nicolás (Getxo).

Bbiblioteca (Municipal) Central de Donostia.

Sabaton 13an de Decembro pluraj membroj de la Grupo de Bilbao kunvenis en la sidejo de la asocio por festi la Zamenhof-tagon. Unue ni spektis esperantan video-filmon, kaj post tio okazis debato pri diversaj esperantaj kaj asociaj aferoj. Fine ni ĉiuj sidiĝis ĉirkaŭ la salona tablo por gustumi en bona etoso la manĝaĵojn alportitajn de la membroj mem.

J. Miguel García kaj Iñaki Velez

## Kantabrio

20 esperantistoj kaj simpatiantoj kunvenis la 12an de decembro por festi la "Tagon de la libro en Esperanto" (Zamenhof-festo). La kunvenintoj profitis la okazon por aĉeti rabatitajn volumojn de la plej interesaj verkoj laste aperintaj, aliĝi al la venonta UK en Montpeliero kaj, fine, ĝui agrablan kaj abundan vespermanĝon en la kafejo "Palma".

M.G.A

## Katalunio

Esperantistoj el la tuta provinco Barcelono festis la Zamenhof-tagon la 14an de decembro en Sabadell. Oni metis florbukedon ĉe la monumento al Zamenhof, staranta en Ronda Zamenhof, unu el la plej belaj stratoj de la urbo, kaj en la strato Lluis Mimó, oni honorigis tiun karmemoran e-iston per alia florbukedo. Poste okazis bankedo en kiu la prezidanto de KAE, kaj vicprezidanto de HEF, s-ro Josep M. Galofré transdonis du belajn omaĝ-tabulojn kune kun du ekzemplerojn de la libro "Ekstremoj" al Giordano Moya kaj Vinçent Hernández, kies edzinoj ricevis flor-kesteton.



La ĵurnalo "Diari de Sabadell" de la 13a, informas pri la okazonta kunveno, kaj tiu de la 16a, aperigas raporton pri la renkontiĝo aldonante grandan foton.

La 16an de decembro okazis literatura festo en BEC (Barcelona E-Centro) kiel parto de la Zamenhofa festo. Oni prezentis la novelaron "Ekstremoj" de Fernández, Camacho, Neves kaj Dek (vidu foton).


Prezento de "Ekstremoj" en BEC

Aldone al la ceteraj kursoj en la diversaj grupoj kaj asocioj, Samideano Martí Guerrero instruas Esperanton la vendredojn, de la 7a ĝis la 9a, en la "Aula de Cultura Sant Josep" de L' Hospitalet.

La HEF-ano Manuel Casanoves, el urbo Vic, subskribis leteron aperintan en La Vanguardia de (97.12.15). Li skribis pri la forpasinta intelektulo Joan Mascaró, kaj rakontis sian renkonton kun Mascaró en iu Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Londono.

Organizita de KAE (Kultura Asocio Esperantista) okazis nova babil-kunveno en Castelldefels la 16an de novembro. Ĉi-okaze 22 gesamideanoj parolis, nur en Esperanto, pri la temo "Klonado". Post la kunveno, kompreneble, estis frateca tagmanĝo en apuda restoracio.

La 18an de januaro la katalunaj e-istoj denove kunvenos, ĉi-foje en L' Hospitalet, por paroli pri "La patrio". La kunvenejo estos "Aula de Cultura Sant Josep". Kaj en februaro la Babil-kunveno okazos en Figueres la 15an.

La "6a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo" okazos en Calafell (Tarragono) de la 3a ĝis la 10a de 1998.

KAE

## Madrido

La pasintan 13an de decembro preakaŭ 40 esperantistoj kaj simpatianoj kunvenis por kune tagmaĝi en la jam tradicia restoracio "Puerta de Toledo". Inter la ĉeestantoj troviĝis la familio Casquero de Valencio kaj Pedro Garrote de la Valadolida Grupo.

Post la bankedo, omaĝe al la figuro de la karmemora Juan Carlos Ruiz Sierra, iama koro kaj animo de la madridaj zamenhofaj Festoj, Miguel Fernánndez deklamis sian esperantigon de la poemo Perfección, de Jorge Guillen. Eusebio Gonzalez Navas kaj la veterana poetino Lucrecia San Antonio vibrigis nin per siaj versoj kaj, ĉe la fino, la membroj de la koruso "Verda Stelo" regalis la festantojn per kristnaskaj kantoj.

Lupe Sanz-Bueno



## Murcio

Novembron la 14an, sabaton, dudek kvin geesperantistoj el hispana Levanto kuniĝis por festi la 160a datrevenon de la elpensinto de Esperanto.

Unue samideanoj el Alikanto, Murcio kaj Lorko (Lorca)renkontiĝis en la ĝardeno Floridablanka por poste viziti, sub la ĉiĉeronado de Juan A. Cabezos, kaj kapelon kaj la katedralon. Ni tagmanĝis je la 14:30 horo, en *Mesón Sevillano*, en la centro de Murcio. Sed antaŭ la datrevena manĝo ni parolis pri oficialaj aferoj de Esperanto: ni parolis pri la Libra Montro de novembro de 1997: de la 7a ĝis la 14a ni vendis librojn por valoro de ĉirkaŭ 40.000 pesetoj. Ni parolis ankaŭ pri la venonta kongreso de VEF en Castellón, la 3an kaj 4an de aprilo de 1998. Estos prelegoj pri *El síndrome de Babel* kaj *La muziko de Francisco Tárrega*, hispane kaj esperante,



respektive. Ni parolis ankaŭ pri la Data-Bazo *Lidja* kaj la *Politiko de VEF pri pioniroj*, kiu estis diskutita kaj aprobita de la ĉeestantaro.

Antaŭ ol foriri, ni dankis la restoraciestron ĉar li malfermis *El Mesón Sevillano* por gastigi nin. La lokaj esperantistoj ĉiĉerone akompanis siajn gastojn al la stacidomo, montrante al ili la novan pendantan ponton apud la Malekono.

Jesuo de las Heras

## Valencio

Valenciaj esperantistoj el la urboj Valencio, Cheste, Mislata, Puebla de Vallbona, Chiva kaj Quart de Poblet, festis la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof, en la vilaĝo Cheste. La partoprenantoj estis akceptitaj unue en la urbodomo, kie, post diversaj salutoj, inter ili de la urbestrino, s-ino María Sagrario Sanchez, okazis prelego en Esperanto, fare de S-ro Jesús Raposo, kun la titolo: "Homo, homaro, kreanta naturo: La tri Fundamentoj". Poste ĉiuj promenadis kune por meti laŭrkronon sur la memortabulon ĉe la strato D-ro Zamenhof.

Finis la aranĝo per bankedo en restoracio, kie Augusto

Casquero transdonis belan memorŝildon al la urbestrino de Cheste, omaĝe al la tuta urbo, pro ties gastamo kaj afableco al la kongresanaro de la "7a Internacia Esperanto-Kongreso". Krom la urbestrino Ĉeestis granda parto de la urbaj skabenoj, la parolĥestro, kaj aliaj reprezentantoj de Cheste. La urbestrino oficiale invitis por eventuala okazigo de iu Hispana Kongreso de Esperanto, por kio ili montras sin pretaj fari la eblon por granda sukceso.

La tuta biblioteko de la valencia esperantista movado malaperis en la hispana intercivitana milito, sed antaŭ nelonge la direktorino de la Urba Publika Biblioteko de Valencia, informis la lokajn esperantistojn ke la libroj reaperis post multjara restado en kelo.

Temas pri vera trezoro. Pli ol 850 titoloj, de antaŭ la jaro 1936, la plej multo el ili en ege bona stato, baldaŭ estos je la dispono de la legantoj de la Biblioteko. Multaj verkoj certe estas unikaĵoj nuntempe.

La estroj de la biblioteko petis helpon de la lokaj esperantistoj por bona kaj rapida katalogado, kaj GEV havigis taŭgan homon. La plej komplika parto de la laboro jam faris samideano Florentino Lozano. Pretas la slipoj, kaj la deĵorantoj de la biblioteko tuj enkomputiligos ilin, por plej rapida konsultado.

En la monato decembro 1997, okazis la feliĉa refondiĝo de la E-a Grupo "Verda Rondeto", de la hispana urbo Castellón.

La asocio fondiĝis en 1936, kelkajn monatojn antaŭ la komenco de la intercivitana milito. La fondintoj estis, inter aliaj, la entuziasmaj esperantistoj Miguel kaj Manuel Manteca, kaj s-ro Rochera. Pro la kruelaj cirkonstancoj de tiu milito "Verda Rondeto" malaperis. Nun, denove entuziasmaj kaj sindonemaj samideanoj, kuraĝe refondas ĝin. Speciale ni devas danki tiun revivigon al ges-roj Francisco Conejero (nuna Prezidanto) kaj Inés Comabella. Gratulon al ili, kaj longan vivon al Verda Rondeto.

Grupo Esperanto de Valencia translokiĝos. Dokumento pri aĉeto de propra sidejo estis subskribita ĉe notario. La translokiĝo okazos nur en marto, ĉar oni devas iomete prepari la novan ejon, kaj bone informi pri la ŝanĝo. La nova ejo, kies adreso ekde marto estos: Avenida Peris y Valero 96, 3a, 5, 46006 Valencia, havas 80 kvadratajn metrojn.

4an kaj 5an de aprilo 1998 okazos en Castellon la "9a Kongreso de Valencio kaj Murcio". Informoj: Grupo Esperanto de Valencia. Gran Vía Fernando el Católico 45, 3-a. 46008 Valencio. Fakso: 96-3849616.

Provizora programo:

Sabato, 4 Aprilo
09.00 Akcepto de la kongresanoj kaj disdonado de dokumentoj ĉe la kongresejo
11.30 Kunveno de la Delegitoj
13.00 Prelego "La Babela sindromo"
14.00 Libera tempo por tagmanĝi
17.00 Prelego (ankoraŭ ne fiksita)
18.00 Solena Malfermo de la Kongreso- Poste vizito al la "Ekologia Domo"
19.00 Asembleo de VEF (1-a parto)
Dimanĉo, 5 aprilo
10.00 Inaŭguro de la "Placo Esperanto"
11.00 Violin-koncerto ĉe la "Placo Esperanto", fare de Tomás Fabregat Felip kaj Tomás Fabregat Mallasen
12.00 Ĝenerala Asembleo de VEF (2-a parto): aprobo aŭ malaprobo de la financ-plano kaj de la nova Estraro de VEF
14.00 Oficiala Bankedo, kaj fino de la kongreso
17.00 Por dezirantoj, turisma vizitado

Aperis, modeste kompostita sed enhave interesa, eseo de samideano Jesuo Raposo (mondcivitano). Temas pri

la eseo "Homo, homaro, kreanta naturo" prezentita de li en la 5a IESKT.

De la 2a ĝis la 7a de marto 1998 okazos "Baza Kurso de E-o" en la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencio. Unuafoje en Hispanio la kurso havos akademian valoron je "du kreditoj". Laŭ la nuna universitata sistemo, la karieroj estas mezuritaj laŭ "kreditoj". 1 kredito = 10 instruhoroj. Ekzemple tuta universitata kariero povas konsisti el 120 kreditoj. La studobjektoj valoras 1, 2, 3...5, aŭ eĉ pli da kreditoj, depende de la instruhoroj. La lernanto povas elekti diversajn studobjektojn por atingi la tuton dum la lernado, kiu normale daŭras 5 jarojn. Ekzistas "devigaj" kaj "libere elekteblaj" kreditoj. Tiuj du de la E-kurso estas "libere elekteblaj". Jen aldona valoro kaj avantaĝo, ĉar la devigaj estas apartaj por ĉiu fakultato, dum ĉiuj studentoj de la universitato, ne gravas al kiu fakultato ili apartenas, povas aliĝi al la libere elektitaj.



La profesoro estos Augusto Casquero, licenciito pri Pedagogio kaj la Direktoro D-ino Berta Raposo, docento de la Fakultato pri Filologio, Departamento pri Germana Filologio.

Ene de la kurso okazos du prelegoj. En la Malfermo, kun ĉeesto de la Dekanino de la Fakultato, D-ino Carmen Morenilla, prelegos Gian Carlo Fighiera pri "Esperanto preter la jaro 2.000: Ĉu lingvo, ĉu movado?", en la hispana lingvo. La ferman prelegon, "Sur la spuroj de Federico García Lorca", faros Miguel Fernández tute en Esperanto antaŭ la disdonado de la diplomoj. Informiĝu ĉe: Augusto Casquero . Avenida Burjasot, 29, A-31, 46009 Valencio. Fakso: 96-3849616. E-poŝto: a-casquero@redestb.es

Augusto Casquero

## Ora adreso

En la sekcio *Mi agenda* de la semajnmagazino *MIA* de la 7a de decembro 1997a aperas eta informo pri Esperanto kaj la telefonnumero de Hispana Esperanto-Federacio, kun la celo ke la interesitoj havu la eblecon mendi pli detalan kaj ampleksan informon.

Laŭ mencio de la magazino, la koncernan informon sendis M. R. Urueña. Jen laborkampo en kiu ĉiu esperantisto, leganto de ĵurnalo aŭ revuo povas agi sen troa laboro kaj kosto.

Luis Hernández

## Kasedo

*Puerta Del Sol,* aŭdkaseda magazino por lernantoj de la hispana, dediĉis ampleksan parton de sia n-ro 3 de 1997 al Esperanto. Oni tie intervjuas Miguel Fernández, verkiston kaj poeton, kaj Marcos Cruz, kiu parolas nome de Hispana Esperanto-Federacio. Aŭdeblas poemo de

Federico Garcia Lorca kaj la kanto *Papago*, de Jomart kaj Nataŝa.

Se vin interesas la teksto aŭ eĉ kopio de la kasedo, vi povas peti ĝin de D. Gary Grady, Durham NC USA, ary@mindspring.com.

Claude Pirón

## Internet

Jesuo de las Heras ĵus kreis novan esperantan liston. La nomo estas "interlenguas" (interlingvoj) kaj la temo estas internacia komuniko. Ĝi havas tri oficialajn lingvojn: la hispanan, la anglan, kaj Esperanton. Tio signifas, ke vi povas skribi en iu ajn el la tri lingvoj, aŭ en alia lingvo kondiĉe que traduko en iuj ajn estas aldonita de vi.

Komence, la listo ne estas moderita. Mi esperas, ke vi ĉiuj vizitos ĝin. Se vi ne regas la anglan kaj ne povas enskribi vin en la listo, sendu vian adreson al mi, kaj mi volonte enskribos vin tie.

Adreso por enskribi sin: http://www.coollist.com. Kiam vi jam estas ano, vi povas sendi mesaĝojn por ĉiuj al adreso interlenguas@coollist.com.

La listo jam bone funkcias!

## Librofoiro

De la 7a ĝis la 16a de novembro, okazis en Murcio la librofoiro 1997. Ĉi-foje la evento ne similis antaŭajn. Kial? Nu, la respondo estas tre facila: Esperanto.

Ĉi-jare la esperantistoj disponis du kvadratajn metrojn en la informejo de la foiro. La prezidanto de la foiro kaj de la Gilda Asocio de Libristo de Murcia, Sr-o



Manuel García Elbal, petis nin prelegi pri Esperanto kadre de la kulturaj aktivaĵoj de la foiro, kaj aranĝi eksposicion de e-libroj.

Prelegis Jesuo de las Heras sub la titolo *El síndrome de Babel* (t.e.: la simptomaro de Babelo), kaj el la libroservoj de HEF kaj de HALE alvenis sufiĉe da libroj por montri al la publiko. La rezulto estis sendube pozitiva:

*Unue:* ni vendis librojn el la stoko de ambaŭ niaj libroservoj.

*Due:* multaj malnovaj studentoj renkontis denove la lingvon, kaj la verda viruso trairis siajn vejnojn!

*Trie:* multaj homoj ekkonis la signifon de Esperanto kaj lernis ion novan pri ĝi. Dum du semajnfinoj, kaj la intermeza labortagoj, *Miguel Gutiérrez Adúriz* kaj *Fernando de Diego* estis konataj nomoj en Murcio, danke al siaj gramatikoj.

*Kvare:* studentoj de modernaj lingvoj kiel la anglusona aŭ la itala aĉetis gramatikon de Esperanto, kaj poste ili revenis por aĉeti ion en *facila Esperanto* (ĉu ekzistas *malfacila Esperanto*?)

*Kvine:* kelkaj aĉetantoj de e-libroj nek scias Esperanto, nek scios ĝin. Tial, al unu el ili ni demandis: "*kial vi aĉetas Don Kiĥoton, se vi ne volas lerni Espe-*

*ranton?*" Kaj li simple respondis: "*mi aĉetas ĉiun publikaĵon de don Miguel de Cervantes...* ".

*Sese:* homo deziris aliĝi al e-kurso siajn du filinojn. Unu estis dekdujaraĝa kaj la alia dekjaraĝa.

*Sepe*: ankaŭ vizitis nin homoj kiuj diris: *Esperanto, ne dankon!*

*Oke:* homo aŭdis nin paroli Esperanton, kaj li diris: *mi pensis, ke Esperanto jam mortis! Mi lernis Esperanton antaŭ 20 jaroj. Finfine mi aŭdas ĝin!* Finfine tiu homo volas lerni denove Esperanto kaj vojaĝi al Kongreso de SAT en Ukrainio.

*Naŭe:* ne mankis personoj kiuj aĉetis e-librojn ĉar ili diras, ke Esperanto estas donaco de amo.

*Deke:* estis homo kiuj ŝatintus kunigi nin dum la foiro, sed li subite forlasis nin. Laŭ mia kredo, *amiko Linares* jam parolas Esperanton kun Dio. Estu nia esperanta foiro omaĝo al lia dumviva esperanta laboro.

Johano Antonio Cabezos

## Radio

La 29an de decembro, dum tuta horo la programo "Juntos en la noche" de COPE, plej aŭdata programo en la hispana nokto laŭ lastaj sondadoj, prezentis Esperanton kun pozitiva sinteno al sia aŭskultantaro.

Niaj tri musketeroj, Ana Manero, Manolo Parra kaj Miguel Fernández, elokvente respondis ĉiujn demandojn klare skizante la historion de la lingvo, la movadon kaj ĉiujn ĝeneralajn valorojn de nia kulturo.

Komprenebe, sonis pecetoj de e-kantoj kaj, por paroli pri la avantaĝoj de E-o kiel 2a lingvo, oni legis la Manifeston de Prago.

La telefono kaj retadreso de HEF liveris al eventualaj interesitoj la eblecon pliampleksigi tiun perradian kontakton, kaj en apenaŭ unu semajno venis al HEF 24 informpetoj el la tuta lando.

Maria Zocato



## Ni kondolencas

Kun bedaŭro ni informas al niaj legantoj ke fine de novembro, post longa malsano, forpasis en Zaragozo la veterana esperantistino Herminia Gil Alvarez.

Ŝi esperantistiĝis en la kvindekaj jaroj, vigle aktivis en la aragono e-grupo "Frateco", kies estraranino ŝi estis plurfoje. Krome ŝi partoprenis en pluraj landaj kaj eksterlandaj kongresoj. De longe membro de HEF, ŝi speciale distingiĝis pro sia entuziasmo en la disvastigo de Esperanto.

Nian kondolencon al ŝia familio. Pace ripozu, kara amikino!



# Jen aperis

Jen la listo de laste ricevitaj eldonaĵoj. Kompreneble, ĉiuj libroj aŭtomate aldoniĝas al la katalogo de la Biblioteko Juan Régulo.

**Ekstremoj**. Novelaro. Miguel Fernández Jorge Camacho, Gonçalo Neves, Liven Dek. Vieno: IEM 1997. 207 p. 23 cm. La "ibera kvaropo" verkis 28 novelojn laŭ ok antaŭdifinitaj temoj iel ekstremaj: aidoso, amo trans morto, malfidelo, seksa memkontentiĝo, sinmortigo, toleremo, unua amora sperto, kaj venĝo.

**El la sonoraj soloj**. Poemoj 1992-95. Miguel Fernández. Vieno: IEM, 1996 100p. 23 cm. La unua memstara volumo de unu el la plej grandaj poetoj esperantaj.

**Falantaj muroj** kaj aliaj rakontoj. Trevor Steel. Vieno: 1997. 160 p. 23 cm. Travivaĵoj de la aŭtoro en Sovetio, Pollando kaj eks-GDR en 1990-91, plus kelkaj en aliaj landoj kaj tempoj.

**La lupo sur Kapitolo** kaj aliaj noveloj. Stellan Engholm. Vieno: IEM, 1997, 93 p. 23 cm. Naŭ rakontoj kaj noveloj originalaj de la sveda klasikulo, kiuj unuafoje aperas libroforme.

**Karnavale**. Maskita rakonto. Abel Montagut. Vieno: IEM 1997, 65 p. 23 cm. Forme varia, poezia priskribo de "senzorga maskerado" en katalunio, kiu alegorias memvolan forlason de la propra lingvo.

**Kulturo kaj teknologio**. Referaĵo pri la jara temo por 1997 de la Monda Jardeko por Kultura Evoluigo. Andrew O. Urevbu. El la angla tradukis Johano Rapley. Rotterdam: UEA, 1997. 63 p.

**Gaja leganto per Esperanto.** Spritaĵoj, vortludoj, preseraroj, anekdotoj, matematikaĵoj. P.E. Schwerin. Red. Ralph Harry kaj Donald Broadribb. Beverley: Bookkleaf Publishing, 1997. 64 p. 21 cm.

**Pajleroj kaj stoploj**. Elektitaj prozaĵoj. Willian Auld. Rotterdam: UEA, 1997. 6+342 p. 21 cm. Kolekto de tiuj eseoj, rakontoj, prozaj tradukoj kaj recenzoj de Auld kiuj ĝis nun ne aperis libroforme sed "havas valoron pli ol nur efemeran".

# Perkoresponda Kurso




**Lernolibro**: Esperanto, curso del idioma internacional; **ekzercaro** (presitaj aŭ en diskedo); **informlibro**: El Esperanto: fenómeno de la comunicación; **vortaro** Lexicón Sopena; **kasedo** kaj la gvido de kompetenta **instruisto** jen telefone, jen fakse, jen per normala aŭ elektronika poŝto.

**nur 14.900 ptojn***

Ĉiu kursano ricevos senpage dum unu jaro la koncernajn publikigaĵojn de la Asocio: Boletín, Juna Amiko, Koncize kaj Kontakto.

Mendu ĝin ĉe HEF, Rodríguez San Pedro 13-3-7a, ES-28015 Madrid.
Tel+Faksilo: 34(9)1-4468079; admin@esperanto-es.org

* Rembuirse plus sendokostoj. Gejunuloj kun "Carnet Joven" ricevas 10 elcentan rabaton.

## Biblioteka apogo Roma kaj Poul Thorsen



En la revuo ESPERANTO aperis artikolo pri tio ke geedzoj Thorsen donacis kapitalon por subvencii havigon de libroj al esperantaj bibliotekoj.

Disponebla sumo estis 3.500 gld. kaj oni akceptis subvencipetojn ĝis la 15a de oktobro. UEA decidu pri la divido de tia helpo.

La biblioteko de HEF, ĉefe konsistanta el heredaĵoj kaj donacoj de esperantistoj, ricevas la nomon "Biblioteko Juan Régulo Pérez", kiel sciate. Ĝi partoprenis la konkurson esperante atingi ioman premion kiu pliriĉigus ĝian kolekton.

Antaŭ kelkaj tagoj alvenis en la oficejon la rezultan decidon. La ĵurio konsistis el R. Triolle (estrarano pri kulturo) kaj O. Buller (ĝenerala direktoro), kun la asisto de S. Milojevi'c (libroservisto). Oni decidis ĉi-foje ne konsideri la petojn de privataj personoj kaj de tiuj kiuj lastatempe ricevis subvencion aŭ monpremion de UEA aŭ de fondaĵo de UEA. Ankaŭ bibliotekoj, kiuj estis fonditaj nur lastatempe, restis sen subvencio. Oni konsideris aliajn aspektojn, kiel ekzemple nombron de uzantoj.

Biblioteko Juan Régulo Pérez, ne atingis subvencion ĉi-foje, tamen ni kore gratulas ĉiujn konkursintojn pli bonŝancajn, inter ili la Hispana Esperanto-Muzeo, kiu ricevis 600 gld. en libroj el la libroservo de UEA.

En 1998 estos nova okazo peti subvencion, tiam la disponebla sumo estos ĉirkaŭ 4500 gld. ĉar uzeblos unuafoje ankaŭ la rento de la kapitalo.

# Valladolid, ĉi jara kongresurbo

Rafaela Urueña

La urbo situas en la aŭtonoma regiono Kastilio-Leono. Ĝia provinco, kuŝanta en la centro de la norda altebenaĵo, havas 8.000 kvadratajn kilometrojn kaj duonmiliononon da enloĝantoj.

La historio de Valladolid estas interplektita kun tiu de Kastilio-Leono. Post la keltoj kaj vaceoj, la romianoj starigis siajn tendarojn laŭlonge de la riveroj *Duero*, *Esgueva* kaj *Pisuerga*. La visigota monarkio aktivis ankaŭ en la valadolidaj kampoj ĝis la islama konkerado, kaj la linioj el diversaj burgoj dise sur la tuta regiono perfekte montras la etapojn de la Rekonkero.

Valladolid naskiĝis kiam grafo Ansurez kun kastiliaj nobeloj setlis la bordojn de la rivero *Duero*, kaj la urbo fariĝis kortego de la kastilia trono. En la mezepoko ĝi ludis gravan rolon, ĉar en ĝi oni kronis Ferdinandon el Aragono kiel reĝon de Kastilio, geedziĝis la Katolikaj Gereĝoj, mortis Kolumbo, naskiĝis Filipo la dua, ktp. Do, ĝis la translokiĝo al Madrido de la hispana kortego, Valladolid estis la hispana ĉefurbo.

Abundas historiaj monumentoj: Sankta Maria la Malnova, gotika preĝejo kun romia turo, starigita de grafo Ansúrez, la Katedralo, planita de Johano de Herrera en 1580, sed neniam finkonstruita malgraŭ la reformoj faritaj de la arkitekto Churriguera. Nun ĝi estas la sidejo de la Dioceza Muzeo. La placo Sankta Paŭlo estas unu el la plej kompletaj monumentaj ensembloj, ĉar tie situas la iama Reĝa Palaco, la preĝejo Sankta Paŭlo (vera juvelo) la Palaco Villena, kaj la Kolegio Sankta Gregoro, nuntempe Nacia Muzeo pri Skulptarto, vere unika muzeo, ĉar ĝi posedas polikromajn lignajn skulptaĵojn de Juan de Juni, Gregoro Fernández, Berruguete, Pedro de Meana, ktp.

Multaj aliaj muzeoj vidindas: la muzeoj pri arkeologio, situanta en la Palaco Fabio Neri, la Muzeo pri Pentroarto, la Muzeo pri Orienta Arto, ktp.






Ankaŭ pluraj civilaj konstruaĵoj elstaras: la domo kie mortis Kristoforo Kolumbo, nun muzeo pri Ameriko, la domo kie loĝis la poeto Zorrilla, la domo kie loĝis Cervantes, nuna muzeo kaj vigla ejo de kulturagado.

Valladolid estas unu el la plej malnovaj universitataj urboj de la lando. La Universitato havas fasadon de la 18a jarcento kaj en ĝi eblas studi juron kaj beletron. Tre proksime situas la Kolegio Sankta Kruco, fondita de Kardinalo Mendoza. Ĝia baroka biblioteko havas riĉajn manuskriptojn, inter kiuj elstaras pro sia graveco la libro de la beatulo Sankta Toribio de Liébana, de la jaro 920.

Sed la urbo evoluas, kaj en la dua duono de la nuna jarcento ĝi moderniĝis kaj daŭre kreskis. Nun ĝi estas la ĉefurbo de la aŭtonoma regiono Kastilio-Leono kaj bela futuro staras antaŭ ĝi. Modernaj pontoj super la rivero Pisuerga, novaj kvartaloj ambaŭflanke de la rivero, belaj modernaj monumentoj ornamantaj placojn kaj ĝardenojn, novaj fakultatoj konstruitaj por instruado de novaj teknologioj...

Resume, en Valladolid atendas la kongresanojn bela moderna kaj historia urbo, bonega gastronomio, mondfamaj vinoj, gastamaj homoj kaj harmonio.




Ĉiuj Asocioj esta invitataj havi propran paĝon sub nia adreso www.esperanto-es.org kaj tiel subteni la laboron de HEF en Internet. Kontraŭ 15.OOO ptjn jare ni garantias belaspektan paĝon kun la teksto, kiun mem redaktos ĉiu Asocio. Se la oferto interesas vin, sendu al HEF peton por malfermo de la servo, logotipon kaj aliajn bildojn (fotojn, desegenojn...), kiujn vi deziros aperigi en la paĝo, kune kun teksto kaj kopio de kvitanco de la pago en la konto de HEF.

## E-literoj senprobleme

Uzante la sistemon HTML, oni jam povas tajpi literojn kun cirkumflekso en sian interretaj mesaĝoj.

Cetere ekzistas tre moderna Esperanto-konvertilo senpaga en la adreso: http://www.pnc.com.au/~blinky/supersigno/index.html

(HEF disponigos senpage la programon al siaj membroj).

La programo ne nur ebligas tajpi per la "mortklava sistemo" (cirkumflekso + litero), sed ankaŭ kapablas esperantigi vian kompletan litertiparan kolekton. Kreis ĝin du aŭstraliaj esperantistoj, Marc kaj Jeff Hayward. Ili nur petas poŝtkarton, kiel pagon!

Darío Rodríguez




## Por internacia nova lingva ordo

Premisoj

Premiso 1a: En la lastaj jaroj la Esperanto-movado spertis serion de sukcesoj en kelkaj medioj/landoj kaj alfrontis serion de problemoj en aliaj medioj/landoj. Kvankam ĝenerale ekzistas pli serioza sinteno al Esperanto, la konsci-nivelo de la ĝenerala socio rilate al demokrata solvo de lingvaj problemoj ankoraŭ ne estas kontentiga.

Aliflanke la organiza (idea kaj laborforta) stato de Esperanto-organizaĵoj ne atingas la dezirindan nivelon, tiel ke ankaŭ eventualaj sukcesoj je la nivelo de parlamentoj aŭ internaciaj organizaĵoj riskas resti vanaj pro la malebleco por niaj organizaĵoj efektivigi la necesajn paŝojn por ekspluati tiujn favorajn kondiĉojn.

En pluraj landoj la laborfortoj kaj laboraj rimedoj de niaj organizaĵoj ne kreskas aŭ eĉ en kelkaj kazoj falas; la instruado kaj lernado de Esperanto bezonas novan impulson en formo de novaj lerniloj kaj pli efika aliro al la publiko: kaj la merkatumo de Esperanto ne utiligas aktualajn metodojn. En aliaj landoj okazis tamen sukcesoj, kiujn ni devas ĝeneraligi al tiuj landoj, kie ili ne okazis.

Premiso 2a: La konscio pri la fakto ke lingvaj rajtoj estas parto de la homaj rajtoj progresas en kelkaj lokoj kaj en kelkaj tavoloj de la unuopaj socioj, sed en la praktiko la solvo al komunikaj problemoj restas ankoraŭ ligita al tradicia kaj nedemokrata sistemo. Multa informa laboro estas necesa por vaste konsciigi la homaron pri la neceso de nova aliro al lingvaj demandoj, kies integra parto estas la internacia lingvo Esperanto, kiu celu la respekton de ĉiuj lingvoj kaj de ĉiuj kulturoj.

Por aliri tiun tutan kampon nepra antaŭkondiĉo estas zorga analizo de la potencfluoj kaj tendencoj en la nuntempa mondo, kiuj decide influas la lingvopolitikon de ŝtatoj, interŝtataj unuiĝoj, internaciaj diverstipaj organizoj, inkluzive de fakaj, profesiaj kaj sciencaj organizoj, kaj, ne laste, la sintenon de la ĝenerala publiko pri fremdaj lingvoj. Samtempe oni devas sobre analizi la nunan staton de la Esperanto-movado por fiksi vere atingeblajn celojn.

Por respondi al la defioj, kiujn la nuna mondo prezentas al la Esperanto-movado, UEA lanĉas la kampanjon ĉisekve priskribatan.

## Ĝeneralaj celoj

1e. Levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunumo.

2e. Levi la prestiĝon de la internacia lingvo.

3e. Influi la internacian vivon.

Detaligo de la celoj kaj prioritataj taskoj:

### 1a celo

Levi la organizan kaj idean nivelon de la E-komunumo

La unua celo entenas la signifan levon de la idea kaj organiza niveloj de ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, por igi ilin pretaj alfonti la defiojn de la nova jarmilo. En la praktiko tio signifas ke ĉiu Esperanto-organizaĵo devas zorgi pri akiro de rimedoj homaj kaj financaj.

## Jen la baza dokumento de la Kampanjo 2000 de UEA

Tio en si mem ne alportos la finan venkon, sed estas la premiso por havi pli da aktivuloj, pli da influhavaj kaj laborpretaj intelektuloj, kio siavice permesos al la organizaĵoj iĝi pli stabilaj kaj malpli dependaj de individuoj. Samtempe oni klopodu levi la idean nivelon de la movado per klerigado de la membroj pere de seminarioj, revuoj, renkontiĝoj, por ke ili posedu almenaŭ la bazajn sciojn pri la movado kaj pri ties celoj. Ni ne forgesu, laste, igi niajn labormetodojn kongruaj kun la modernaj teknikaj rimedoj.

Prioritataj taskoj

* La komitatanoj de UEA iĝu kunrespondecaj por la plenumo de ĉi tiu plano en sia lando, organizaĵo aŭ medio.

* Ĉiu landa kaj faka organizaĵo fiksu por si mem kaj por siaj lokaj aŭ alispecaj subgrupoj konkretan cel-grupon varbotan kaj konkretan membronombron atingindan kaj ekagu laŭ tiuj celoj.

* Ĉiu landa kaj faka organizaĵo pretigu programon de klerigaj okazoj por siaj membroj. Tiuj okazoj povus varii laŭ la apartaj kondiĉoj, sed ili devas antaŭvidi la neceson ke ĉiu (nova) membro estu minimume informata pri la historio de la Esperanto-movado, pri ĝia nuna konsisto kaj pri ĝiaj nunaj celoj (Tiucele estas esence konigi al ĉiu unuopa esperantisto la manifeston de la Esperanto-movado, kiu ĝis nun estas konata kiel Manifesto de Prago).

* La estraro de UEA, kunlabore kun ILEI, reviziu la ekzistantajn instruilojn kun la celo plibonigi la instruadon de Esperanto surbaze de modernaj metodikaj malkovroj, uzante ankaŭ novajn eblecojn de komputiloj, elektronikaj retoj k. s. kaj zorgante pri la integrigo de la finstudintoj en la komunumon.

* La landaj organizaĵoj zorgu por ke la landaj ILEI-sekcioj estu pli fortaj kaj kunligu ĉiujn instruistojn en la unuopaj landoj.

* La estraro kaj la financa komisiono de UEA okupiĝu pri financa evoluigo, kaj metu la akiron de mono inter siajn ĉefajn zorgojn.

### 2a celo

Levi la prestiĝon de la internacia lingvo

La dua celo invitas al informado pri la internacia lingvo kaj ties seriozaj sociaj celoj por ke la erara bildo de Esperanto, kiu ankoraŭ ekzistas en multaj medioj, ŝanĝiĝu. Oni devas produkti modernan inform-materialon kaj sisteme sendi ĝin al instruistoj, lingvistoj, ĵurnalistoj kaj tiuj politikistoj, kiuj okupiĝas pri kulturo kaj internaciaj rilatoj, kaj kompreneble al la ĝenerala publiko.

Ĝenerale oni celu plibonigi la informadon kaj klerigadon en kaj ekster la

komunumo, per stimulado kaj kunordigado de esploroj, eldonaĵoj, klerigaj kaj trejnaj aranĝoj, kaj bone preparitaj prezentoj aŭkunlaboraj agadoj en malsamaj medioj.

Prioritataj taskoj

* La estraro de UEA pretigu liston de la plej bonaj informiloj nun ekzistantaj kaj tradukeblaj al la naciaj lingvoj kaj sendu ekzemplerojn de tiuj informiloj al ĉiuj landaj kaj fakaj organizaĵoj.

* La landaj kaj fakaj organizaĵoj prizorgu la tradukon kaj disvastigon de tiuj informiloj al siaj lokaj kaj aliaj grupoj.

* La komitatanoj zorgu por ke tiu traduko kaj disvastigo okazu.

* UEA kaj la ceteraj organizaĵoj starigu aŭ/kaj aktivigu informan fakon.

* UEA kaj la landaj kaj fakaj organizaĵoj transiru de pasiva informado (nur al petantoj) al aktiva informado (al la membroj de la homgrupoj supre menciitaj kaj al la ĝenerala publiko).

* La estraro de UEA donu apartan atenton al la materialo ekzistanta por informi lingvistojn kaj ellaboru, interkonsente kun la taŭgaj instancoj, lingvopolitikon por Esperanto kaj pri esperantologiaj studoj.

## 3a celo

Influi la internacian vivon

La Esperanto-organizaĵoj de la ĝusta nivelo devas pristudi la eblecojn influi la internacian vivon, interalie per la internaciaj organizaĵoj, al kiuj oni, post esplorado de la konkretaj kondiĉoj, oni faru konkretajn proponojn pri kunlaboro.

Prioritataj taskoj

* La estraro de UEA konsultiĝu kun antaŭaj kaj nunaj okupiĝantoj pri UN, Unesko kaj aliaj organizaĵoj de la UN-aro, same kiel kun okupiĝantoj pri rilatoj kun internaciaj regionaj organizaĵoj (okcidenteŭropa EU, OAU, OAŜ, ktp.).

* La estraro de UEA instigu fakajn Esperanto-organizaĵojn starigi kontaktojn kun internaciaj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri sama aŭ apuda temo.

* La estraro de UEA instigu landajn Esperanto-organizaĵojn starigi kontaktojn kun siaj registaroj kaj tute aparte kun la landaj instancoj, kiuj tenas ligojn kun internaciaj organizaĵoj.

* Surbaze de tiuj kaj aliaj zorgaj analizoj kaj preparoj, la Esperanto-organizaĵoj de la ĝusta nivelo varbu kaj flegu kontaktojn kun influaj ekstermovadaj simpatiantoj, starigu pozitivajn kaj konkretajn kunlaborajn rilatojn kun taŭgaj organizaĵoj, kaj helpe de tiuj kunlaborantoj pretigu kaj akceptigu konkretajn proponojn por ŝanĝi la lingvopolitikon de internaciaj organizaĵoj.

Aliaj rimarkoj

* Ĉi tiu laborplano estas nur kadra laborplano. Ĉiu instanco de la Esperanto-movado fiksos sian propran laborplanon rilate al sia agad-kampo. Estas esence jam nun komenci diskutadon por la detaligo de la konkreta laborprogramo de ĉiu partoprenanta instanco.

* Ĉiu organizaĵo en la kazo de traduko al nacia lingvo rajtas traduki la sencon de la esprimo "Por nova internacia lingva ordo" uzante tiujn vortojn, kiuj ŝajnos pli akcepteblaj en la nacia lingvo kaj en la nacia medio.

* UEA starigu konton kiu funkciu kiel transira konto por kolekti monon por

la realigado de ĉi tiu plano. Ĝi ricevu donacojn de esperantistoj kaj eventuale de neesperantistoj, kaj ĝi transdonu monon al la normalaj kontoj de la administra sistemo laŭ la bezono. La mono, memkompreneble, necesas por la eldonado de informiloj kaj bazaj dokumentoj, por la okazigo de internaciaj seminarioj, por publikaj reklamoj sur ĵurnaloj, por sendi volontulajn instruistojn al kelkaj landoj, ktp.

* Por certigi, ke la CO per la celata kampanjo ne estu konsiderinde pli Ŝarĝata ol ĝis nun, parto de la kolektotaj financoj povos esti uzata por kapabla volontulo, kiu administre subtenu la kampanjon rekte en la CO aŭ sub gvido de elektota oficisto de la CO aŭ estrarano.

* Kiam temas pri la financoj de la asocio daŭre validas la konsiloj de la laborplano 1989-1992. Tiu laborplano esence instigis la respondeculojn pri financoj de la asocio sisteme serĉi monfontojn en kaj ekster la Esperanto-movado, kiel ekzemple grandaj privataj fondaĵoj aŭ mecenatoj, sed ankaŭ publikaj eblaj fontoj, kiel la urbo Roterdamo.

* Al tiu sistema serĉado devas esti kunlaborigataj ankaŭ la landaj asocioj. La celo estas trovi eksteran monon. Tre verŝajne ĝi ne estas trovebla por la kampanjo 2000 kiel tia sed por pluraj el ĝiaj eroj, kiel la klerigaj seminarioj kaj similaj.

* Ĉi tiu laborplano kaj la Manifesto de la Esperanto-movado devas esti daŭre disponeblaj ĉe la CO de UEA kaj ili devas esti vaste dissendataj al Esperanto-organizaĵoj kaj al individuaj esperantistoj en ĉia ebla maniero.

* La estraro de UEA raportu ĉiun jaron al la komitato pri la progreso de la kampanjo.

* Fina noto: Ĉi tiu laborplano estas intence tre ĝenerala. Ĝi celas instigi ĉiunivelajn Esperanto-organizaĵojn partopreni laŭ siaj eblecoj kaj kompetentoj. En la venontaj jaroj, ĝis la jaro 2000-a, ĉiu devos streĉi siajn fortojn por komune antaŭenporti la internacian lingvon al tiu pli firma pozicio en la mondo dum la venonta jarcento, kiun Esperanto meritas. Ĉi tiu plano rekonas ke la kunlaboro de ĉiu parto de la movado estas esenca. Ĝi krome estas ebla, ĉar ĉiu esperantisto estas nur petata intensigi siajn klopodojn pri tio, kion li jam faras nun. Lia tasko ne estas zorgi por tio ke Unesko, Unuiĝintaj Nacioj, ktp. ekuzu Esperanton, sed plifortigi sian lokan agadon. Tio estas la plej bona maniero por apogi la klopodojn, kiujn aliaj faras ĉe Unesko, Unuiĝintaj Nacioj, ktp.

Renato Corsetti

## 22a IJF

**Temo: Bunta Eŭropo**

De la 8a ĝis la 14a de aprilo okazos la 22a Internacia Junulara Festivalo en "Le Vele", luksa hotelo borde de la Adriatika Maro, kun propraj plaĝo, parko, sportejoj ktp, ĉe Lignano Sabbiadoro (Udine) Regiono Friuli - Venezia Giulia.

Kiom da landoj, geografie kaj kulture, apartenas al Eŭropo? Ankaŭ ĉi-jare estas 6 kotizoj laŭ landkategorioj. La aliĝperiodoj estas: 03.01.98, 31.03.98, posta. Pli detalajn informojn ĉe: Giuseppe Castelli; via Grandi 16: IT-29100 Piacenza; telefono +39-523- 59-29-08.



# Ĉirkaŭ la mondo

## Pollando

En Gliwice (suda Pollando) okazis 2-taga tutlanda e-ista renkontiĝo de praktikantoj kaj uzantoj de E-o (ĉi tiel nomis ĝin la organizantoj) kaj 2-taga raporta-elekta konferenco de Pola Esperanto-Asocio (8-9 kaj 10-11.11.97).

En la unua parto de la esperantista konferenco okazis prelegoj, artaj aranĝoj, diservo, vizitado de lokaj vidindaĵoj en Gliwice. Pri la konferenco vaste raportis lokaj amaskomunikiloj kaj en la tutlanda televida programo eĉ du stacioj "RTL-7" (pollingva) kaj Nova Pola Televido (ambaŭ kadre de televidaj novaĵoj kun filmscenoj pri la debatoj).

Raportis Andrzej Pettyn

## TEJO

Dum la jaroj 1998 kaj 1999 okazos projekto de Tutmonda Junulara Organizo nomata "kulturaj konkursoj". Ili dividiĝas en 4 kategorioj, la unua estas desegnado kaj alcelas nur infanojn ĝis 15. Ĝi volas interesigi kaj esperantistojn kaj ne-esperantistojn (limdatoj 30a aprilo 1998/1999).

La dua kategorio temos pri satiroj (limdato 31a de oktobro 1998), la tria, pri komiksoj kaj bildstrioj (30a de aprilo 1999) kaj la kvara (limdato 31a de oktobro 1999) temos pri videofilmoj kaj celas ankaŭ ne-esperantistojn.

Estos allogaj premioj (monaj kaj laŭ formo de komiksoj, KD-oj kaj libroj) kaj fidas je la amasa partopreno de la esperantistaro.

Post tiu ĉi unua periodo TEJO volas eldoni libron kaj videofilmon kun la premiitaj verkoj.

Por pli da informoj kontaktu: Miquel Gomez i Besos, vicprezidanto de TEJO respondeca pri kongresoj, seminarioj kaj kulturo; Nideggerstr 9; DE-50937 Koeln; rete: Tejo_Oficejo@bn.maus.de

## Komitatanoj B

1998 estos elektojaro en UEA. Tio ebligos provizi la organojn de la Asocio per novaj kaj freŝaj agantoj. Parto de tiu procezo estas elekti la komitatanojn B. Laŭ la Statuto (art. 24) eblos elekti 8 komitatanojn B (t.e. 1 por ĉiu komencita milo da individuaj membroj).

Osmo Buller
Ĝenerala Direktoro

## Belartaj Konkursoj

La Belartaj Konkursoj de UEA denove invitas partoprenantojn por siaj sep branĉoj. La rezultojn oni anoncos en la UK en Montpeliero. La laŭreatojn atendas monpremioj, kiuj estas pli altaj ol antaŭe. Ĉiuj konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, ne publikigitaj.

Premioj: Unua premio: 410 gld. Dua premio: 287 gld. Tria premio: 164 gld. Detala regularo haveblas kontraŭ unu respondkupono ĉe UEA, Nieuwe Bin-

nenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, aŭ retpoŝte 14@inter.nl.net.

## Marjorie Boulton

La prestiĝan Esperanto-Kulturpremion de Aalen en 1998 ricevos la renoma Esperanto-poeto d-ro Marjorie Boulton. Tion ĵus decidis FAME-fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj. Ŝi ricevos la sesan premion en valoro de 10.000 germanaj markoj pro siaj meritoj pri literaturo, scienca agado, edukado kaj kontribuoj al humaneco kaj interkompreno.

## Nederlando

NEJ kaj FLEJA invitas vin al la Paska Renkontiĝo 1998 (10-13 aprilo) apud Joure, norda Nederlando (la provinco Frislando). La temo estas *konsumeti*, pri kiu estos diversaj prelegoj kaj laborrondoj (i.a. pri ekologia terkulturado, ekologia konstruado, ekonomio kaj ekologio).

Kajto koncertos. Kun ili ni festos ilian dekjariĝon. La koncerton oni surdiskigos. La publiko kunkantos. Do se vi volas ke via voĉo estos sur la kompaktdiskon...

## E-filmo

La 16an de Novembro kadre de la 15 Internacia Festivalo de Junulara Kino de Torino, oni prezentis la kurtan filmo, 7-minutan, "La eta knabino aŭ kiel oni trovas ian helpon".

La filmon, produktita de la Svisa Televido en 1997 kaj reĝisorita de Samir, oni projekciis ĉe la sesio rezervita al la filmoj ne konkurantaj en plenŝtopita kinejo.

Francesco Amerio

## Krekas la nombro

La subskriboj por la Manifesto de la Esperanto-Movado, lanĉita en la UK en Prago en 1996, eniris la duan dekmilon. Fine de novembro la suma nombro estis 10391. La Centra Oficejo de UEA daŭre akceptas subskribojn kaj disponigas por tiu celo presitajn listojn (por 20 nomoj) kaj poŝtkartojn (por 4 nomoj).

## Franca lingvo

Jen traduko el *Le Figaro*, 1an de septembro 1997, rubriko "Figaro-ci, Figaro-lá" sub direktado de Claude Jacquemart kun Josseline Abonneau kaj la servoj de Figaro:

"La angla unuavice

Konfirmiĝas la ekmalfortiĝo de la franca en la eŭropaj instancoj: la franca versio de la estonta Traktato de Amsterdamo (kiu estas ratifikota en la dekkvin landoj de la Unuiĝo) alvenis Parizen fine de junio, t.e. dekon da tagoj post la regantara konferenco, plenplena je eraroj kaj malekzaktaĵoj. "Ĉiukaze, unuavice validas la angla versio de la teksto", sciigas la bruselaj instancoj."

Ni ne forgesu tion en nia argumentado, same kiel la fuŝan version de la Traktato de Maastricht kiun oni devis detrui. Krome se estas tiom da eraroj en tradukita teksto, ĉu vere necesas havi superan inteligenton por kompreni ke samtempa tradukado (interpretado) estas farso? Iuj politikistoj volas paroli en la propra lingvo — eble ĉar plaĉas al ili aŭdi sin mem

— sed iliaj paroloj estas ne malofte mal-samaj laŭ senco kiam ili eliras el la buŝo la interpretistoj.

Henri Masson

## Pri eldonado

De la 29a de majo ĝis la 1a de julio (pentkosto) okazos Kultura Semajnfino pri Eldonado aranĝita de Flandra E-Ligo

Venos multaj aŭtoroj por paroli pri siaj problemoj, kaj konfronti ilin kun la ideoj de eldonistoj, diskuti pri problemoj de elekto de manuskriptoj, rajtoj de la eldonistoj por adapti tekstojn, rajtoj pri reeldonado, eldonkvantoj, diskonigo de la eldonaĵoj, la merkato...

Vi povos koni la vidindaĵojn en kaj ĉirkaŭ Antwerpen. Oni povas peti senpagan multkoloran faldfolion kun la aliĝilo kaj la prezoj por la aranĝoj ĉe FEL; Frankrijklei 140; B-2000 Antwerpen; Tel.: + 32-3-234-34-00

## Brazilo

Svarmis la festoj omaĝe al Zamenhof. La unua urbo festi estis Uberlandia (Ŝtato Ĝeneralaj Minejoj), kiu ekde la 8a de Decembro faris Kulturan Semajnon. La 13an , Esperanto-Asocio de San-Paŭlo festis. En la posttamezo de la sama tago, Esperantista Asocio de Rio-de-Ĵanejro festis en Restoracio "Esperanto & Natural" La 14an, Brazila Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Asocio de Brasilia kunfestis en LABRE-klubo ĉe la urba lagego. En la sama tago, posttagmeze, Kultura Fondaĵo Simpozio festis en urbo Florianopolo kaj prezentis Internet-Enciklopedion Filozofian.

En la 20a, okazis la jam tradicia kaj belega Zamenfesto, en urbo Gojanjo, ŝtato "Gojas", (la geesperantistoj de Braziljo plenigis buson, kaj tien vojaĝis, por ne maltrafi la feston!). En la aŭditorio de Federacia Teknika Lernejo de Gojas', kie krom vasta arta kaj kultura programo (kun multaj donacoj), oni lanĉis la komputil-ludon *La Ruĝa Planedo*, en Esperanto, (oni povus diri ke ĝi temas pri la Persa Princo en la jaro 2050). La ludo kun 8 fazoj estas farita de la programisto Eleŭsmarjo Mariano Rabelo, kiu disvolvis ĝin surbaze de la verkoj de Erick Von Daniken.

## Infanoj

Kvin infanoj el la bosnia urbo Gorazde, akompanataj de du esperanto-instruistoj, partoprenos de la 11a ĝis la 13a de aprilo en la kongreso de SAT-Amikaro en Quintin, urbeto kiu situas proksime de Saint Brieuc, en Bretonio.

Dum la kongreso de SAT-Amikaro estos ankaŭ infankongreseto por geknaboj de 6 ĝis 14 jaroj. Estos vartejo por infanoj malpli ol 6-jaraj. Kantstaĝo konsistigos la antaŭkongreson de la 7a ĝis la 10a en St Brieuc. Informoj kaj aliĝilo : S-ino Louise Rigault, 4, route de Kervor, FR-22470 Plouezec, Francio.

Henri Masson

## Seminario por Instruistoj

Por kontribui al plia profesieco de la Esperanto-instruantaro, de la 8a ĝis la 14a de aprilo 1998, en Lignano Sabbiadoro (Italio) dum la 10a Alp-Adria Konferenco (kaj 22a Internacia Junulara Fes-

tivalo) estos ebleco partopreni en Seminario por kurso-gvidantoj.

Stefano MacGill, tre sperta kaj verva trejnisto, gvidos vin paŝon post paŝo sur la malfacila tereno de lingvoinstruado, pritraktante plej diversajn problemojn tiukampajn:, ekzemple: kiel eviti la fordrivadon de kursanoj? Kiel inkluzivi konojn pri la esperanta vivo en la kursoj? Kursoj prefere en oficialaj aŭ privataj lernolokoj? Kiujn aĝ-grupojn ni ĉefe celu?, ktp.

Edvige Tantin Ackermann

## Irano

La plej eldonkvanta kaj populara ĵurnalo Irana Ĵurnalo Hamŝahri (Samurbano) -eldonkvanto 416000- (la unua laŭ eldonkvanto en Irano) en sia 1435a numero dediĉis 1/6an de la lasta paĝo al Esperanto. Ĉiutage venas demandleteroj pri Esperanto el diversaj partoj de la lando al Sabz Andiŝan Instituto (SAI).

M.Reza Torabi

## UK

Jam ekzistas en Internet franca ttt-ejo pri la UK en Montpeliero.

Ĝi celas informi antaŭ kaj dum la kongreso. Legu ĉe: http://www.mygale.org/10/univkong/

## KEF '98

Ĉi-jare la Kultara Esperanto-Festivalo revenos al Svedio. Kiel vi eble scias, la celo de KEF estas kunigi esperantistojn por ĝui kaj sperti plej diversajn aspektojn de la Esperanto-kulturo. Tradicie, dum pluraj tagoj famaj kaj malpli famaj artistoj prezentas siajn kantojn, teatraĵojn, verkaĵojn kaj aliajn artaĵojn al entuziasma internacia publiko. Tiel okazos ankaŭ ĉi-jare, sed... ĉi-jara KEF estos pli ol tio. Nun por la unua fojo, la partoprenantoj povos mem kunagi, sperti kaj lerni en pluraj kursoj kaj laborgrupoj.

Pluraj famaj artistoj anoncis sian aliĝon. Inter ili estas la rokgrupo Persone, Ĵomart kaj Nataŝa, la Kazaĥa trobadorduopo, ktp.

KEF '98 okazon en la nova Esperanto-domo de Svedio. Pli ol iam antaŭe en la historio de KEF, eblos ĝui kulturon kaj naturon. En la programo estas ebleco malkovri la ĉirkaŭaĵon laŭlonge de malnova fervojlinio pere de unika veturilo: la drezino. Ĝi estas kvazaŭ biciklo sur reloj, kaj eblas iri per ĝi ekde tuj apud la KEF-ejo. Sed ankaŭ estas aliaj eblecoj malkovri la naturon: perpiede, per ordinara biciklo, aŭ per kanuo sur la abundaj riveroj kaj lagoj.

Cetere, Stokholmo estos en 1998 la Kultura Ĉefurbo de Eŭropo, en kiu ĝuste antaŭ KEF okazos la Akvofestivalo, plej granda kulturfestivalo, en kiu "tuta Stokholmo transformiĝas al scenejo".

## Pasporta Servo 1998

Ni povas ĝoje informi vin ke Pasporta Servo 1998 aperis pli granda kaj pli dika (164 paĝoj). La nova listo enhavas 871 adresojn el 75 landoj. Gastigantoj ricevas ĝin senpage

Kiel aĉeti ĝin?

Ĉiu ne gastiganto, povas mendi la kajeron ĉe sia kutima libroservo, aŭ rekte ĉe la Centra Distribuanto (UEA). Se vi mendas tri ekzemplerojn aŭ pli, vi ricevos trionan rabaton.

Fariĝu gastiganto kaj gajnu premion!

Cetere, indas fariĝi gastiganto en eldono 1999, ĉar ni lotumos tri libroĉekojn de NLG 100,- se ni atingos la magian nombron de 1000 gastigantoj!

Aliĝilon petu de UEA aŭ eĉ HEF.

Derk Ederveen.

## La IS

La Internacia Semajno de Germana Esperanto-Junularo finiĝis la 3an de januaro 1998 en Traben-Trarbach. Dum la silvestra semajno la temo estis "Socio kaj komunikado". Venis al la IS ĉ. 290 homoj el 31 landoj. Speciale frekventitaj estis la prelegoj de d-ro Renato Corsetti, la kolonja historiisto d-ro Uwe Neddermeyer, de la akademaniano Jorge Camacho kaj de Raoul Hounnake el Togolando.

Ziko M. Sikosek

## La verko de la jaro

Kooperativo de Literatura Foiro restarigis la premion "La verko de la jaro" por originalaj beletraĵoj, kiu estis atribuita sesfoje inter 1976 kaj 1987.

La abonantoj de Literatura Foiro voĉdone atribuos la premion ĉiujare, alterne al poeziaj kaj prozaj verkoj proponitaj de almenaŭ tri membroj de Esperanta PEN-Centro.

Por 1998 kandidatos nur poeziaj titoloj surmerkatigitaj en 1996-97, por 1999 nur prozaj verkoj surmerkatigitaj en 1997-98, kaj tiel plu sinsekve. La premiado okazos en Internacia Literatura Forumo, ĉiusomera aranĝo de L.F.-Koop.





## Emas korespondi

- ✓ Mi estas 28-jara fraŭlo kaj deziras korespondi kun homoj inter 18 kaj 35 jaroj. Mi ŝatas aŭskulti radion (mallong-ondo), uzi IBM-komputilon, legi nefikciajn librojn kaj genealogion. Kevin A. ROBB; 139 Mattocks Road; STEPHENS QLD 4227; Aŭstralio.
- ✓ Maykel González, entuziasma 16 jara esperantisto, deziras korespondi. Adreso: c: Serafín Sánchez # 2A5; c/cCéspedes y José M. Sánchez; Sto Domingo V. Clara; Cuba — 53000.
- ✓ Helpon petas en formo de lernolibroj kaj vortaroj por sia lernejo: Rafael Cabrera Espinosa; Apto. Postal # 48Bayamo 1 85100; Granma; Cuba.
- ✓ Laurie Wallis, kvakera infano el Britio, volas havi amikojn tra la mondo. skribu por ŝi al Garden Cottage; Fountain Lane; Winscombe; Somerset; BS25 1LS Britio.
- ✓ Anuŝka Petrova el Bulgario deziras trovi amikojn en Hispanio. Adreso: Ul. Otec Paisij 9; Burgas — 8000; Bulgario.
- ✓ Instruisto Kitagawa Ikuko serĉas junajn korespondantojn por siaj lernantoj, 17-18-jaraj knaboj kiuj lernas Esperanton kiel oficialan lernobjekton en supera mezlernejo. Lerneja adreso: Nippa Kôkô; 1348 Nippa-chô; Kôhoku-ku; Yokohama, 223 Japanio.




## Kolekto 2000

Por festi sian 10-jariĝon, Eurokka (Vinilkosmo)) lanĉas la projekton "Kolekto 2000" en la kadro de Kampanjo 2000. La "kolekto" konsistos el 10 esperantaj kompaktdiskoj. La du unuaj aperos antaŭ la UK en Montpeliero. Jomo unue kaj Jacques Yvart kun kantoj de "Brassens" poste.

Eurokka serĉas sponsorojn, monsubtenantojn, mecenatojn kaj partnerojn por sukcese realigi la projekton. Tamen, ĉiu esperantisto povas jam antaŭmendi la kolekton kontraŭ nur 400 NLG plus la sendokostoj.

Pliajn informojn liveras: Eurokka; FR-31450 Donneville; Francio; Tel: 33-561-81-95-65.

Jen sendube apoginda projekto.




# 1.000 Donkiĥotoj

HEF kaj ĝia fondaĵo, Fundación Esperanto, lanĉas apartan kampanjon por diskonigi la pintan literaturan verkon "Don Quijote de la Mancha" de Miguel de Cervantes.

Se la kampanjo sukcesos kunigi mendojn por entute 1000 ekzempleroj de la genia verko, la mendintoj povos akiri la volumon kontraŭ simbola prezo de nur 1000 pesetoj!!!

Oni komprenu ke la disvendo okazos nur se la menditaj volumoj estas minimume 1000.

Rajtas mendi ĉiuj grupoj, asocioj kaj eĉ unuopaj esperantistoj hispanaj kaj eksterlandaj, kaj ne ekzistas limo por la nombro de menditaj volumoj.

La luksa eldono de la verko, farita de Fundación Esperanto siatempe, estas sendube la plej bela donaco por ni mem, por niaj korespondantoj kaj amikoj, kaj por regali aŭtoritatulojn okaze de oficiala vizito.

Faru tuj vian mendon ĉe HEF, Rodriguez San Pedro 13 -3º -7: ES-28015 Madrid; Tel+faksilo: 34(9)1-446-80-79; e-poŝto: admin@esperanto-es.org

### Mendoj ĝis 15.01.98:

| | |
|---|---|
| Iñaki Velez | 20 |
| Julio Tarín | 1 |
| Miguel Gutiérrez | 5 |
| Alaba Esperanto-Asocio | 1 |
| Lucia Peredo | 1 |
| Augusto Casquero | 5 |
| Entute ĝis nun: | 33 |

# PLEDO POR H-ALFABETO

Santiago, 09.12.97
De Antonio Alonso Núñez.
Al s-ro Miguel Gutiérrez Adúriz
Chefredaktoro de "Boletín"

Kara chefredaktora amiko: En "Boletín" 321 aperis la monstra tabelo pri proponoj pri alfabeto-surogatoj kiujn mi konas, kaj jen en n-ro 333 aperas via "Ni dronas en babelo", iel pri la sama afero.

Nu, permesu ke tiun mian reporteran artikolon mi kompletigu nun per informo pri mia persona opinio kaj sinteno:

Mi unue listigu plurajn alternativojn:

(a) **ĉu ĝin ŝi ĵus ĥore aŭ ĈU ĜIN ŜI ĴUS ĤORE AŬ**

(b) **chu ghin shi jhus hhore au CHU GHIN SHI JHUS HHORE AU**

(c) **cxu gxin sxi jxus hxore aux CXU GXIN SXI JXUS HXORE AUX**

(d) **cyu gyin syi jyus hyore auy CYU GYIN SYI JYUS HYORE AUY**

(e) **^cu ^gin ^si ^jus ^hore a^u ^CU ^GIN ^SI ^JUS ^HORE A^U CU GI SIN JUS HORE AU**

Ni venu nun al komentoj:

(1) Rimarku ke mi metis (a), (b), (c), (d), (e), do sen (ĉ) au (ch), char tio estas absolute nepra por la okazo ke esperantan tekston oni tradukus en aliajn lingvojn (kaj tio, des pli se la tekston akompanas bildoj kaj grafikoj kun almetitaj respondaj literoj kaj krucaj citoj, kiel ofte okazas en matematiko ktp).

(2) (a) estas lau la oficiala norma esperanta alfabeto, kaj (b) estas lau ties oficiala surogato.

(3) (b) estas, sen ech plej eta dubeblo, la plej bona surogato el la tuta monstra tabelo: Efektive, la kazoj kun ebleco de mistrancho estas kvante minimumaj kaj tial facile antauvideblaj, kiel en *majhoro,* kiu povus respondi jen al *maĵoro,* jen al *maj-horo* (kaj chi tiun lastan, do, oni skribus kun streketo, tiel ke miskomprenoj ne okazus).

Cetere, ech estas simple sensence postuli ke mistranchoj ne povu shpruci el alfabeto, se aliflanke kaj sendepende de h-alfabeto, la kvanto da eblaj mistranchoj che kunmetajhoj estas senkompare treege pli granda, kiel en: *Sen'tema* kaj *sent'ema, char'mulo* kaj *charm'ulo, kuragho* kaj *kur'agho, konkludo* kaj *konk'ludo, pied-iranto* kaj *pie diranto,* ktp., ktp. (Jen ekzemplo pri *ekstremiga/ eks-tremiga ekstera/ eks-tera* miksa *kazu-aro/ kazuaro: Marshalo/ mar-shalo/ mars-halo*). (Rimarku, ke sen mistranchoj malaperus kalemburoj el literaturo kaj el la chiutaga vivo).

Legu, tamen, la rimarkon fine de (5).

(4) Tamen, jam de pli unu centjaro la E-uzantaro obstine rifuzas la h-alfabeton, kaj sin tenas nur al la norma alfabeto: Nu, mi tie chi ja ripetu tion, kiun mi diris en n-ro 321, nome, ke antau tiel grava socia fakto, ja estas absolute malsaghe esperi au supozi, ke la E-uzantaro tamen akceptus alian surogaton. Kaj mi povas ripeti ankau mian duan tiean eldiron, nome, ke kiu ne volas pri (a), do tiu uzu nur (b) kaj admonadu aliujn agi

same, kaj krome ja chesu plishveligi la monstran tabelon.

Kaj al tio mi aldonu ion, kiun mi tie prisilentis, nome, ke lau mia kompreno kaj opinio, ni, la E-uzantoj, per tia *absoluta neuzado* de (b) tamen ghis nun malsaghe *agadis nur kontrau niaj propraj interesoj,* (kaj ja egale malsaghe plu agados sur tiu sama vojo tiom longe, kiom fine komputiloj absolute senprobleme kaj senghene ebligos la uzadon de la nura (a)): Efektive, ja neniel malutilus, sed simpligus nian aferon kaj laboron, ke iam-tiam ie-tie aperus presajhoj kun tiu tre bona surogato, tute speciale se ial ighas malfacila au neebla la uzado la norman alfabeton.

(5) En (c) ja temas pri la x-alfabeto kiun komputilistoj adoptis ¿en 1962? ghuste en atendo de la absoluta kaj senghena uzebleco de (a), kaj ja sub supozo ke nepre temas pri alfabeto nur por intera, provizora komputilado, tiel ke por la definitiva publikigo oni tion automate realfabetigu lau la normo. En (d) temas pri la alternativo kiun mi tiutempe proponis al Ingh. A. Broise, kvankam li pli solide argumentis favore al (c).

Evidente, tiu intera alternativo estas tute bona, kondiche tamen ke en la teksto ne ekzistus alilingvaj vortoj au sciencaj notaciajhoj, char alikaze che automata realfabetigo povas aperi eraroj: Por ekzemplo, che (c) la franca *aux* ighus *aŭ* kaj la hispana *auxilio* ighus *aŭilio;* che (d) la hispana *muy* ighus *mŭ,* ktp. Pliaj ghenoj shprucas se la vortojn de iu teksto oni devas alfabete listigi per adekvata programo pro ekzisto de nacilingvaj kunmetajhoj *cy, cz* k.a. (kvankam ja eblas eltiri sin el tiu problemeto).

Rimarko: Tute diference al x-alfabeto, ja h-alfabeto estas enkondukita por definitiva publikigo, kaj tiele ghi estu uzata, char se ankau ghi estus nura intera surogato, do jen ni refalus en la problemon pri realfabetigo de x-alfabeto: La hispana *chorizo* ighus *ĉorizo,* la angla *she* ighus *ŝe,* nia *majhoro* chiukaze ighus *maĵoro,* la automata alfabeta listigo lamus, ktp.

(6) En (e) temas pri la alfabeto per kiu mi foje turmentas vin, kaj kiun vi enlistigas en via artikoleto. Nu, permesu ke mi klarigu pri tia afero:

- Mia hejma komputilo estas ATARI, kun programo CALAMUS por teksto-prilaboro, per kiu mi ja povas tute bone tajpi kaj printi la chapelulojn, sed kiu povas komunikighi kun la PC-mondo nur per ASCII-alfabeto, do nepre sen chapeluloj.

— Mi foje disponas alilokan komputilon, PC kun programo WordPerfect (ja kun chapeluloj), alifoje alian PC, tamen kun programo Word (kiu ghis antau nelonge ne disponis chapelulojn). Kaj vi laboras per PC, mi supozas ke kun chiaj oftaj teksto-programoj.

— Mi tre ofte uzas nacilingvajn vortojn kaj nomojn, kaj ankau sciencajn notaciajhojn: Do, nenia problemo shprucus se la definitiva publikigo aperus per h-alfabeto; sed se oni ghin realfabetigu al

la normo, ¡jen ankau h-alfabeto ne taugus!.

— Kaj char ghenerale ja tia realfabetigo okazu, jen, do, demando levighas: ¿Kíun alternativon sub la diritaj cirkonstancoj mi elektu kadre de ASCII-alfabeto?. Nu, shajnas al mi ke la du unuaj frazoj de (e) estas la plej konvena formo char:

= Formoj kiaj *^ce, c^e* estas tiuj grafike plej proksimaj al la norma alfabeto, kaj facile legeblaj.

= Che tajpado per ordinara skribmashino oni tajpas ghuste lau la ordo *^ce,* kaj ne lau la ordo *c^e;* do, estu *^ce.*

= Tre grava eco de tiu arangho estas, ke neniu (au eble nur tre malmulte da) lingvoj au sciencaj notacioj uzas la chapelon flanke kaj tuj apud la koncerna litero, tiel ke do che automata realfabetigo oni ne riskas erarojn (kaj ja oni malpli riskus per interna chapelo *c^e* ol per ekstera *^ce*). (Mi tamen timas, ke eble ghuste en informiko-notacio oni tion uzas!).

= Lau mia sperto kun la WordPerfect-programo de mi foje disponata, che realfabetigo ghi transformas káj minusklajn ^c, ^g,... káj majusklajn ^C, ^G,... al nur minusklaj ĉ, ĝ..., kaj de tio venas, ke por majuskloj mi do skribas C, G,... (kio ja estas plia gheno, tamen ne tro grava, chu?).

(7) Mi tre danke shatus koni vian opinion kaj eventualan pli bonan solvon rilate la jhus diritan problemon mian.

Krome, kompreneble, mi ech pli ghojus, se iam-tiam ie-tie en Esperantujo, jen iuj artikoloj, eventuale ech iuj tutaj libroj, aperus kun la oficiala surogata h-alfabeto: Tial, mi petegas vin, estu bonkora al mi, kaj se vi decidos publikigi tiun chi leteron-artikolon, do ghi aperu per h-alfabeto.

Krome, kaj por pli ghuste respeguli la faktan intonacion, mi dankos, ke vi allasu ankau la hispaneskan dekstran kornon sur ki-vortoj en roloj demanda au ekkria, kaj sen ghi en rolo rilativa (respektive, ekz., *kíu* kaj *kiu),* kiel ankau sur la duobla

*káj... káj* (tia korno ja apartenas al ASCII-kodo); ankaue, la egale duoblajn hispaneskajn signojn *¿...?, ¡...!,* (ankau ili en ASCII-kodo), char lau mia kompreno en iuj kazoj —sed ne en chiuj— pli bone respegulas la faktan intonacion ol la simplaj *?, !.*

Elkore via, *Antonio Alonso Núñez*






Ĉi sekcio de *Boletín* celas helpi niajn legantojn sukcese venki la malfacilojn de esperanto por hispanlingvanoj. Ni provos elturniĝi per sugestoj kaj konsiloj eventuale ne aperantaj en niaj lernolibroj kaj gramatikoj. Ĉiuj komentoj, petoj, duboj, demandoj, ktp. estas tute bonvenaj ĉe la redaktejo, aŭ pere de la retpoŝto ĉe 26 *liven@nexo.es*.

Antonio Valén

Nia redaktoro petis, ke mi verku apartan sekcion en *Boletín* pri lingvaj aspektoj de esperanto por iel helpi niajn progresintojn. Mi planas priparoli tiklajn punktojn de la esperanta gramatiko (prononco, vorto-stoko, sintakso, vort-kunmetado, ktp.) laŭlonge de kelkaj numeroj. Jen do la unua.

Hodiaŭ ni vidu kelkajn falsajn amikojn, bedaŭrinde tro oftaj buŜe de hispanlingvaj esperantistoj. Ĉiuj difinoj kaj multaj ekzemploj fontas el *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV).

**oferi** signifas "donaci al diaĵo ion vegetantan aŭ vivantan laŭ difinitaj ritoj", ekzemple, ***Abraham prenis la virŜafon kaj oferis ĝin***, t.e. *Abraham cogió el carnero y lo sacrificó (lo ofrendó)*. Ĝi povas signifi ankaŭ "fordoni ion valoran por akiri alion, kion oni rigardas kiel pli valoran": ***mi esperas, ke ili oferos siajn personajn gustojn kaj opiniojn pro la bono de nia afero***, *espero que sacrifiquen (supediten) sus gustos y opiniones personales por el bien de nuestra empresa*. Kaj ankoraŭ trian signifon: "fordoni ion valoran por la servo, utilo de io aŭ iu", nome ***oferi sian vivon al la scienco***, *consagrar (dedicar) su vida a la ciencia*.

Ni do vidas, ke ***oferi*** apenaŭ povus havi la signifon de la hispana *ofrecer*. Ĉi tiun ni traduku per ***proponi*** (*proponer*) aŭ ***oferti*** (*ofertar*), ekzemple, *te ofrezco un cigarrillo* = ***mi proponas al vi cigaredon***, *ofrecer a alguien sus servicios* = ***proponi al iu siajn servojn***, *ofreció un cuadro por cien mil pesetas* = ***li ofertis pentraĵon por cent mil pesetojn***.

**priokupiĝi**: jen ofta, tro ofta vorto, kiu povas signifi nur ***okupiĝi pri (okupiĝi prie)***, do *ocuparse (de algo)*, ekzemple: ***mi nun okupiĝas pri verkado de artikolo***, *ahora me ocupo de escribir un artículo*. Por traduki la hispanan *preocupar(se)*, ni uzu ***zorgi, fari al si zorgojn***, eventuale ***klopodi*** (*procurar*): *¡No te preocupes!*, ***Ne zorgu!***; *se preocupa por todo*, ***li faras al si zorgojn pro ĉio***; *se preocupó de que todo estuviese acabado a tiempo*, ***li klopodis por ke ĉio estu ĝustatempe elfarita***.

**kariero** signifas "profesio, okupo, al kiu oni sin dediĉas": ***la diplomatia kariero***, *la carrera diplomática*. La hispana *carrera* havas la kromsignifon ***(universitata) studado, (universitataj) studoj***: *estudio la carrera de filología*, ***mi studas filologion***

***(en la universitato)***; *hacer la carrera de derecho*, ***fari (universitatajn) studojn pri juro; studi juron***

***(universitate)***; *¿Qué carrera hace usted?*, ***Kion vi studas (en la universitato)?***

**ilumini** signifas "ornami per lumiloj, ordinare simetrie dismetitaj, okaze de festo, de soleno, ktp.": ***ilumini avenuon, parkon, monumenton***, *iluminar una avenida, un parque, un monumento,* kaj ankaŭ "doni eksterordinaran spiritan aŭ

intelektan lumon, klarvidecon, intuicion, ks.": ***la iluminitoj***, *los iluminados* (religiaj viziuloj). Ni vidas, ke ***ilumini*** nur sekundare tradukas la hispanan *iluminar*, kies ĉefa senco estas ja ***lumigi***: *cuarto iluminado por cuatro velas*, ***ĉambro lumigita de kvar kandeloj***; kaj figure ***lumigi, prilumi, ĵeti lumon***: *una amplia sonrisa iluminó su rostro*, ***larĝa rideto lumigis Ŝian vizaĝon***; *esa circunstancia ilumina el asunto por completo*, ***tiu cirkonstanco plene prilumas (ĵetas plenan lumon sur) la aferon.***

# Hispana literaturo

Miguel Fernández

Min ne petu, grafo,
pri am' sur la strato:
certe vin malbenos,
grafo, mia panjo.

Morgaŭ mi ja, grafo,
lavos ĉe l' rivero;
tie staros, grafo,
mi je via servo.

Certe vin malbenos,
grafo, mia panjo.
Min ne petu, grafo,
pri am' sur la strato.
Certe vin malbenos,
grafo, mia panjo.

Kokoj kantas, kara;
foren, mia koro!
Venas la aŭroro.

Amo, jam forpaŝu
tuj sen senti mornon;
helo ne malkaŝu
ĉi plezuran dormon.
Vidu, ke la kokoj
kantas en la foro
venon de l' aŭroro.

Anonimaj poemoj kolektitaj en la renesanco. Ili konsistigas mirindan trezoron senegalan en ajnlanda literaturo. Laŭ temo ili estas ligitaj al la plej antikvaj manisfestiĝoj de la liriko en la ibera duoninsulo kaj en la trubadura skolo. Ilia simplo kaj freŝo inspiris poetojn el nia ora jarcento kaj el la tiel nomata generacio de 27. Kiel ekzemplon oni povas citi la nesupererblajn poemojn en "Maristo sur tere", "La amantino" kaj "La aŭroro de la levkojo" de Rafael Alberti.

# Kongresa Informilo

Kongresejo: “Centro Cívico El Campillo”, en la urbocentro.

Ĉiu kongresano devas plenigi apartan mendilon. Sendu mendilon kaj kvitancon de la pago al “Congreso de Esperanto”, Apartado 119, 47080 Valladolid.

La koncernan kotizon enkasigu en la konton de Caja Postal numero 1302-4600-0023306865. Pagante menciu sur la kvitancilo: Federación Española de Esperanto (Congreso).

Memoru: aliĝiloj sen samtempa pago ne validos.

## Loĝado

(1) Hotel Melia Parque (tri-stela), García Morato 17, Tel: 983-22-00-00. Ĝi situas apud la bus-stacio. Prezoj:

En 2-lita ĉambro, kun bufeda matenmanĝo, 1 nokto .......... 8.800

En 1-lita ĉambro, kun bufeda matenmanĝo, 1 nokto .......... 6.120

(2) Hotel Felipe IV (kvar-stela) Gamazo 16, Tel: 983-30-70-00. Ĝi situas tre proksime de la kongresejo. Prezoj:

En 2-lita ĉambro, 1 nokto . 8.000

en 1-lita ĉambro, 1 nokto . 6.000

En 2-lita ĉambro (nur unu persono), 1 nokto .................. 7.000

Bufeda matenmanĝo, .... 1.100

Al la menciitaj prezoj aldonendas 7% pro la IVA imposto.

Pro ties situo, komforto kaj moderaj prezoj, la Organiza Komitato varme rekomendas mendi ĉambron en unu el la supre menciitaj hoteloj.

Tamen, por tiuj kiuj deziras tranokti en pli modestaj hoteloj, la Organiza Komitato proponas la jenajn:

H.R. Enara (unustela), tre proksima al la kongresejo. Hotel Imperial (dustela), en la urbocentro kaj proksime de la kongresejo. Hostal Lima (dustela), ne malproksime de la kongresejo.

## La domo de Cervantes

Okaze de vizito al la Direktorino de la Domo de Cervantes, oni proponis ke en la kadro de la tiel nomataj “Mañanas de la Biblioteca” (Matenoj de la Biblioteko), e-poetoj legos siajn poemojn aŭ prezentu alian kulturan aranĝon. La Direktorino akceptis la ideon kun simpatio.

## Kongreskotizoj:

| Datoj | Ĝis 28.02.98 | Ĝis 30.04.98 |
|---|---|---|
| Kongresano (ne HEF-ano) | 3.500 | 4.000 |
| Kongresano (HEF-ano) | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 1 | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 2 | 2.500 | 3.000 |

# 57a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



VALLADOLID, 1a—3a DE MAJO 1998

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj.................................................
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ................................
Aĝo (2)................................ Profesio (2)...............
Adreso .......................................................
Urbo ............................. Poŝtkodo ... Provinco ..........

Mi aliĝas al la 57a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

Kongreskotizo (HEF-ano/ne HEF-ano) (1).......................... ptojn
Kongreskotizo (1a kunulo /2a kunulo) (1) ........................ ptojn
Donaco ......................................................... ptojn
ENTUTE:........................................................ ptojn

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu kunulo samtempe aliĝanta
(1) Forstreku la nevalidan
(2) Nur por statistiko

Kongresa konto en Caja Postal: 1302-4600-64-0023306865. Sendu samtempe la aliĝilon kaj kopion de la konfirmo de la pago al "Congreso de Esperanto" Apartado 119; 47080 Valladolid.

KOTIZO ESTAS PERSONA. ĜI NE ESTAS REPAGEBLA.

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|

